Jaro XI. Oktobro 1928 Nr. 4

Oficiala Organo de la internacia VEGETARA LIGO ESPERANTISTA (V. L. E.)

# VEGETARANO

Oficiala Organo de la INTERNACIA VEGETARA UNIO (I. V. U.)

**Adreso:** Oscar Bünemann, Hamburgo 24, Papenhuderstr. 32, II, Germanujo.

Landaj sekretarioj kaj abonprezo en nacia mono:

**Argentino** (Pes. pap. 2.—): S-ro Graciano Garcia, Rioja 814, Buenos Aires.

**Belgujo** (B 4.—): S-no Yvonne Colijn, Ruststraat 52, Rue du Repos, Ukkel-Uccle apud Bruselo, poŝtkonto 119 935.

**Bulgarujo** (Levoj 50.—): S-ro Petr Mitkov, Bulevard Evlogi Georgiev 49, Sofio.

**Ĉeĥoslovakujo** (kč. 25.—): S-ro Emil Mai, Mühlfeldgasse 11, Gablonz a. N.

**Danujo** (dkr. 3.—): F-no Margrethe Noll, Fredericiagade 6, II., Kopenhago-K.

**Estonujo** (Ekr. 3.—) F-no Helmi Dresen, postkast 6, Revalo (Tallinn).

**Francujo** (ffr. 20.—): F-no Cécile Royer, 14 Rue des Carmes, Parizo V, poŝtkonto Parizo 25 777.

**Germanujo** (Rm. 3.—): La redaktanto, poŝtkonto Hamburgo 31 883.

**Grandbritujo** (ŝ. 3/—): S-no Margaret Blaise, „Bonveno", Manor Way, Headstone Lane, Harrow apud Londono.

**Hungarujo** (P. 4.—): S-ro Bihari Mór, ĉe Szerderit, Telep-u. 14, Budapeŝto VII.

**Jugoslavujo** (Din. 40.—): Sudslava Esperanto-Servo, Zagrebo, poŝtĉ. konto 34 978.

**Latvujo** (Latoj 4.—): S-ro Edgaro Grots, Elizabetes ielâ 9, dz. 33, Rigo.

**Litovujo** (Lid. 8.—): S-ro Vladas Butkus, Prezidento gatvé 3, II-ji gimnazija, Kaŭno.

**Nederlando** (fl. 2.—): S-no Catharina J. Roskes-Dirksen, Anemoonstraat 96, Hago.

**Polujo** (zl. 8.—): S-ro Chajm Kusnir, Ul. Orwida 5, Wolomin powiat Radzyminski.

**Sovjetunio** (R. 1,50): Moskovskoje Vegetarianskoje Obŝĉestvo Moskvo 9, poŝtkesto 327.

**Svedujo** (skr. 3.—): S-ro Erik Brenander, Fyrunga.

**Svisujo** (sfr. 4.—): S-ro Paul Enz, Nuxowerk, Rapperswil, (St. Gallen).

**Usono** (dol. 1.—): S-ro Karl Fröding, 602, Seventh Street, Rockford, Illinois.

El la landoj necititaj oni sendu rekte al la redaktanto la egalvaloron de 4 svisaj frankoj. La kuponoj de UEA estas akceptataj kaj estu uzataj prefere ol nacia mono. Ne pagu per poŝtmandatoj; ĉar ili kaŭzas kurzan perdon. Anoncoj pri vegetaraj manĝejoj kostas la egalvaloron de dek svisaj frankoj.

La VEGETARA LIGO ESPERANTISTA (V. L. E.) estis fondata en la jaro 1908-a, dum la Dresdena Universala Kongreso de Esperanto. Ĝia organo, la „Vegetarano" estis fondata en la jaro 1914-a. La kotizo por VLE kaj la abonpago por la „Vegetarano" estas identaj.

La celo de VLE estas, disvastigi Esperanton inter la Vegetaranoj kaj Vegetarismon inter la Esperantistoj. Krome, danke al nia internacia helpa lingvo, ĝi volas helpi kaj antaŭenpuŝi la internacian vegetaran movadon kaj la solidarecon inter vegetaranoj de ĉiuj landoj pli efike, ol tion povus fari naciaj organizoj aŭ revuoj.

Fine, nia ligo volas kunigi aron da homoj, kiuj interkonsente komplotas kontraŭ ĉio malbona kaj kiuj subtenas interne je la Esperanta movado la etikan nivelon de nia komuna volo.

La ĝenerala sekretario kaj kasisto de VLE estas nune Oscar Bünemann, Hamburgo 24, Papenhuderstr. 32, II., Germanujo. Landaj sekretarioj prizorgas informojn, enkasigas kotizojn, propagandas kaj tradukas, se oportune, artikolojn el nia organo por naciaj parencecaj eldonaĵoj.

## Kredo.

Malgraŭ la multaj sciencaj pruvoj, per kiuj oni apogas la vegetarismon kaj kiuj certe havas valoron, la bazo de nia vivmaniero ĉe la plej multaj el ni, multjaraj vegetaranoj, estas simpla interna konvinko, eĉ interna bezono, kiun ni mem nur tre malprecize kaj netraŭe penas klarigi per tiel-nomataj „etikaj motivoj". Ĉiu el ni konas inter siaj parencoj aŭ konatoj kelkajn personojn, kiuj atingis altan aĝon, kiuj scias ĝui la vivon, kvankam ili ne speciale atentas higienajn aŭ nutrosciencajn konsilojn, sed vivas kiel la plimulto: manĝante viandon, trinkante alkoholon kaj fumante, kiel ĉiu „normalulo".

Tiu ekzemplo tamen ne forigas nian konvinkon, ke ni devas vivi laŭ n i a maniero kaj ke estus tre bone, se la plimulto de la homoj adoptus nian vivmanieron. Kaj certe multaj homoj, kiuj nun ankoraŭ vivas laŭ ĝenerala, normala maniero, havus la saman internan konvinkon kiel ni, se ekzemplo kaj pripenso ĝin vekus en ili. Tiaj personoj povus sen iu malutilo al sia korpa bonfarto transiri, de unu tago al la alia, de normala vivmaniero al vegetara vivmaniero. Nur ĉe ili propagando por la vegetarismo povas havi sukceson.

Sur la socia kampo la kredo, ke per obeo al la konscienco, per evito de malbonaj agoj, oni estos plej feliĉa sur sia tuta vivovojo kaj akiros la ekonomian sanstaton, havas similajn bazojn ne science aŭ per faktoj pruveblajn, sed simple senteblajn. Multegaj personoj atingas s i a j n feliĉon kaj ekonomian bonstaton, kiuj iris sur aliaj vojoj. Tiuj personoj, se ili volas ĝui publikan estimon, tamen devas kaŝi la vojojn, sur kiuj ili alvenis al sia celo, kaj devas preteksti klerecon, laboremon, moralecon kaj bonfaremon. La socio estas jam eĉ tiel organizita, ke la anglaj komercistoj disvastigis en la tuta mondo la principon „Honesty is the best policy" (Honesteco estas la plej bona agregulo).

Tute ĝuste ni rigardas kiel infanrakontojn aŭ sentimentalaĵojn la romanojn, en kiuj ĉiam fine venkas la bonuloj kaj estas punataj la malbonuloj, aŭ la historiajn rakontojn, kiuj faras heroon kaj virtulon el ĉiu regnestro aŭ militisto, kiu havis sukceson. Ni scias, ke nia kredo ne dependas de tiaj falsaĵoj aŭ de iuj sciencaj pruvoj pri la neceso de virto. Nia kredo estas interna bezono; la mondo estus sensenca por ni, la vivo senvalora, se ni ne havus la konvinkon, ke la feliĉo estas atingebla sur la vojo de honesteco. Aŭ, se la sociaj kondiĉoj tion ne permesas, ne ni devas ŝanĝi nian naturon, sed devas esti ŝanĝataj la sociaj kondiĉoj, iom post iom, de ni kaj de niaj posteuloj. La vera bazo de nia kredo estas nia deziro, nia volo.

Simila estas nia kredo sur la kampo de vivmaniero, kaj ni esperas, ke ankaŭ sur tiu kampo iom post iom la publika opinio atingos almenaŭ tiun nivelon, kiun ĝi atingis sur la socia kampo. Ni firme kredas, ke ni ne bezonas, por esti sanaj kaj feliĉaj, tiun amason da abomenaĵoj, kiu estas ligita al la sistemo de viandmanĝado kaj alkoholtrinkado, nek tiun aron da malbelaĵo kaj malsaĝaĵo, kies emblemoj estas la bifsteko, la brandbotelo, la cigaredo kaj similaj forĵetindaj objektoj de nia nuna civilizo.

**Nutraĵo.**

Jen kelkaj ĝeneralaj rimarkigoj:

Ne ekzistas ĝusta teorio pri niaj nutraĵoj. De la momento, kiam stariĝas tia teorio, ĝi estas malĝusta. Neniu normo povas esti aplikata al iu ajn. Se ekestas normo, ĝiaj efikoj certe estos malbonaj.

Vere taŭgaj principoj estas nur tiuj, kiuj ignoras normojn kaj teoriojn.

Neniu nutraĵo aŭ kombinita nutraĵo estas malsaniga en si mem al persono de ordinara sanstato, se tiu persono manĝas kun malsato kaj ne tro multe da ĝi. La manko de variado en nutraĵoj, kun neniu okazo por la korpo, eltiri la bezonatan materialon, havos malbonajn sekvojn, se tia reĝimo estas daŭrigata certan tempon. Firma regulo ne povas esti starigata pro la diverseco de la individuoj.

La kvanto de la nutraĵoj je ĉiu manĝo, inter la manĝoj kaj dum iu difinita tempperiodo, same kiel la ofteco de la manĝoj, estas pli gravaj ol la speco de la manĝaĵoj. Tro granda kvanto da la plej bona kaj plej perfekte kombinita nutraĵo estas pli malutila ol malgranda kvanto da nutraĵo ne tute freŝa.

Same kiel la homoj sciis paroli longe antaŭ ol la saĝuloj starigis gramatikon, same la homoj manĝis longe antaŭ ol la sciencistoj studis la fiziologion de manĝado kaj digestado. Same kiel la gramatiko devas, per la tempo, laŭiĝi al la evoluanta lingvo, same la fiziologio kaj la higieno pri la nutraĵoj prefere observu tion, kio okazas, kiam ni manĝas, anstataŭ ol dikti leĝojn pri manĝado.

Tro multe da „scienco" aplikata al la nutraĵa demando malutilas. Tro multe da „scienco" estas nesciantec‍o. Ekstremaj sciencistoj estas nesciantaj.

Nutraĵo estas necesaĵo, sed ni povas vivi sen ĝi sufiĉe longan tempon. Tial estas malsaĝe, manĝi sen emo, nur pro la timo, ke ni povus morti pro malsato, se ni ellasas unu manĝon. La meza homa kaj besta korpo havas sufiĉe da rezerva forto kaj rezistemo por suferi iom da fastado, se necese, kaj vivi sen nutraĵo tiam, kiam ne sentiĝas malsato aŭ kiam sentiĝas malfunkcioj aŭ doloroj.

Estas bone, se ni informiĝas pri la substancoj, vitaminoj kaj kalorioj de nia nutraĵo. Sed estas malbone, se oni daŭre provas apliki tiajn informojn al specialaj okazoj kaj se oni faras nepruvitajn konkludojn el tio. La plej multaj homoj, se ili estas neinfluitaj kaj sekvas sian sanan emon, certe trovos multe pli facile sian vojon, ol se ni baras ĝin per sensignifaj ciferoj kaj teoriaj faktoj.

La plej multaj el niaj nutraĵaj bezonoj kreitaj en nia moderna epoko, same kiel aliaj tiel nomataj bezonoj estas artefaritaj. Ili estas la frukto de forta sugesto en unu formo aŭ alia, kiun komercaj entreprenoj disvastigas inter la homoj per krianta reklamo. Nur malmultaj homoj ne lasas sin influi de tia propagando. Ni manĝas multe da sukero kaj dolĉaĵoj, ĉar ili estas anoncataj ĉie, ĉar la dolĉaĵvendejoj logas nin ĉie ajn. Ni manĝas tro multe da viando (mi ne faras tion, ĉar mi estas vegetarano); ĉar oni tute erare instruis nin, ke ni bezonas ĝin por nia forteco kaj saneco. Kompreneble estas facile, fari el tiu sugesto la kredon, ke tiu nutraĵo estas vera bezono. Estas facile, ŝati tiajn nutraĵojn. Kaj tio sama estas konstatebla pri ĉiu alia troigo en manĝado.

La kredo, ke fruktoj kaj dolĉaĵoj ne estas nutraĵoj kaj pro tio povas esti manĝataj inter la regulaj manĝoj, kaŭzis jam multe da malutilo.

La sugesto, kiu naskiĝas el tiaj diroj kaj proverboj kiaj: „la apetito venas dum la manĝado", estas treege malutila. Manĝi sen malsato en la espero, ke la apetito „venos" poste, instigas nin manĝi tro multe kaj kaŭzas malsanon.

„Malfacile digestebla nutraĵo", „facile digestebla nutraĵo" estas sensignifaj esprimoj. Ĉiuj nutraĵoj estas facile aŭ malfacile digesteblaj laŭ certaj cirkonstancoj.

El „Rational Living" de D-ro B. Liber,
tradukis Elisabeth Bünemann.

---

**Kongreso de la Bulgara Vegetara Asocio.**

Raporto de Petro Mitkov.

La 26-an ĝis 28-a de aŭgusto 1928 en la malgranda urbo Sevlievo, situanta apud la norda deklivo de la Balkano, okazis la kongreso de la Bulgaraj Vegetaranoj.

Ĉar la kongrestagoj koincidis proksimume la centjaran datrevenon de la naskiĝo de Leono Nik. Tolstoj, la kongresanoj, estante en sia grandega plimulto liaj adeptoj, deklaris tiun kongreson jubilea je lia memoro.

Ĉiuj referaĵoj temis pri Tolstoj. Referis Jordan Kovaĉev, Ilia Enĉev, P. Teoĥarov, G. Ŝopov kaj Iv. Gunev, ĉiuj brilsukcese.

La geurbanoj kun granda intereso observis ĉiujn kunsidojn de la kongreso kaj restis kun bonaj impresoj pri la vegetaranoj. Dum tiu tempo en la kongresurbo estis malfermata ankaŭ nova vegetara restoracio, kiu ĉiam pli kaj pli progresas.

Ĝenerale, la vegetara movado en Bulgarujo gajnas ĉiam pli kaj pli larĝajn rondojn, kaj ne estas malproksima la tago, kiam ĝi estas akceptata de la homoj kaj de ĉiuj aprobata.

**Bovbataloj.**

Alberto la I-a, reĝo de Belgujo, dum sia lasta vizito en Madrido estis invitata por rigardi la faman spektaklon de bovbatalo. Li tuj rifuzis, dirante: „Mi vidis sufiĉe da abomenaĵoj dum la milito!" Se multaj personoj, kies sintenado estas observata, pro ilia socia pozicio, de la publiko, agus simile, la barbaraj sportoj, inter kiuj la bovbataloj prenas unuan lokon, baldaŭ perdos sian ŝatatecon.

La amerika kontraŭvivisekca revuo „The Starry Cross" raportas kun ĝojo: „Kvar toreadoroj, kiuj intencis doni al la eleganta publiko de Vichy en Francujo ekzemplon de vera bovbatalo, koliziis kun la franca leĝo, kiu malpermesas la mortigon al bovoj en bovbataloj. La kvar toreadoroj ricevis ĉiu sian monpunon por ĉiu mortigita bovo kaj verdikton de tri tagoj da malliberejo".

Bedaŭrinde mi legis en la franca gazeto „Le Quotidien" jenan diron de Léon Lefranc: „Ses frankoj (23 cendoj usonaj!) da monpuno kaj tri tagoj da malliberejo por ĉiu bovo mortigita; sed la toreadoroj jam reiris al Hispanujo. Tiaj mildaj severecoj certe ne malhelpos la bovbatalojn!"

Estas dezirinde, ke niaj francaj samcelanoj baldaŭ atingos la kompletan malpermeson por ĉiu bovbatalo, ĉu kun aŭ sen mortigo al bovoj: kiom da puno estas donata por ĉiu ĉevalo mortigita, tio ne estas dirita. Ŝajnas, ke pri tio tute ne ekzistas paragrafo. En tiuj bovbataloj oni rajdas sur ĉevaloj, kiuj efektive jam estas tro malfortaj, por porti la rajdantojn. La bovo disŝiras la ventron de la ĉevalo, tiel ke la visceroj pendas de la korpo kaj la ĉevalo per la malantaŭaj piedoj paŝas sur

siajn proprajn intestojn. Tamen oni daŭrigas la rajdadon, kaj ofte oni ŝtopas pajlon en la malfermitan ventron, por povi rajdi ankoraŭ kelkajn minutojn sur tiu bedaŭrinda besto.

Kelkaj personoj diris al mi, ke oni ne riproĉu la hispanan barbarecon; ĉar en la aliaj landoj ekzistas ankoraŭ aliaj barbarecoj, kiel ekzemple ĉasoj, ĉevalkuradoj ktp. Certe unu barbareco ne senkulpigas la alian, kaj estas dezirinde, forigi ĉiujn abomenaĵojn, per kiuj homoj aŭ bestoj suferas. Sed tiu abomenaĵo de la bovbataloj estas tiom fiega, ke ĝi devus esti tute speciale atentata de ĉiuj homoj, kiuj posedas ankoraŭ eron da sento kaj homindeco. O. B.

### Nia Vegetara Kanto.

Unu ekzempleron de la Internacia Vegetara Kanto „En mondo malĝoja, en mond' kun envi' ni celas al pli bona stato", teksto de s-ino Catharina Roskes-Dirksen, muziko de D-ro Hugo Nolthenius, ĉiu novaliĝinta ano, kiu pagis sian kotizon, povas ricevi senpage de la redaktanto.

Kontraŭ pago de nfl. —.10 por ĉiu ekzemplero plus sendelspezoj oni povas ricevi la kanton de „Eldonejo Chreestarchia" Joh. Littooij, Soest, Nederlando.

Atentu, ke en la tria takto antaŭ la fino estas preserareto korektenda: la dieso ne devas stari antaŭ la A, sed antaŭ la F, do devas esti fis, ne ais.

Ĉe nia nederlanda sekretariino estas haveblaj „Esperantuja Kanto" (nfl. 0.20) kaj la „Kvin Vivokantetoj" (nfl. 0.90). La komponinto de tiuj kvin „Vivokantetoj", s-ro Windisch, estas profesia komponisto.

Dum la interreligia konferenco en Hago nia samideanino kaj anino, f-ino Ortt kantis „Se la homo konscius", el la vivokantetoj.

---

### El multaj landoj.

**Latvujo.** Latva Vegetara Societo ekdormis. Kompense, vigle eklaboris novefondita societo „Atdzimtne" („Renaskiĝo"), kiu, en Riga foiro aranĝinte ekspozicion, demonstris la modernan nutroscienccon. La fondintino de la societo, ĝia animo kaj prezidanto estas s-ino D-ro Dora Švikul, lerninta multe de mazdaznananoj. Tamen precipe ŝi sekvas la principojn de la fama doktoro Bircher-Benner en Zuriĥo, kies helpantino ŝi estis en Svisujo. Krom la supre cititaj du societoj ankaŭ kelkdekoj da mazdaznananoj disvastigas niajn vivreformajn ideojn.

**Belgujo.** Kun bedaŭro ni konstatas, ke la belga revuo „La Réforme Alimentaire" ne povos plu aperi. La redaktanto Weil ĝis nun kondukis ĝin sub grandaj personaj oferoj; lia edzino perdis la sanon pro troa laborado en la movado kontraŭ la alkoholo. Nun la kaso estas malplena, kaj la redaktanto ne povas plu krii al siaj samlandanoj la veron, pri kiu ni interkonsentas kun li. Li tamen esperas, ke la malapero de la revuo ne daŭros longan tempon. La kunsidoj de la Bruselaj vegetaranoj okazados unufoje monate, kaj samcelanoj estas petataj, skribi al s-ro Weil, 48 avenue Alex. Bertrand, Forest apud Bruselo, por ricevi informojn pri dato kaj loko.

**Norvegujo.** Okaze je la 25-jara ekzisto de la Norvega Vegetara Societo oni aranĝis en Oslo ekspozicion pri nutraĵoj. D-ro O. Sopp faris paroladon pri la vegetarismo.

**Hindujo.** Ni jam atentigis pri la cirkuleroj de Bhagat Ram por la plibonigo de la sorto de virinoj en Hindujo. Li batalas ankaŭ por la pliklerigo kaj ĝenerala socia reformo. Narsi Ram, Jiv Daya Parcharak, en urbo Ferozepore Cantt. (Punjab), Hindujo, propagandas per cirkuleroj kontraŭ alkoholo kaj viandkonsumo.

**Svedujo.** La Sveda Vegetara Societo havis komence de septembro en Stokholmo, okaze de la 25-jara ekzisto de la organizo, sian jubilean kongreson, kiun ĉeestis 113 personoj, inter ili kelkaj eksterlandanoj invititaj de redaktisto Saxon. Oni faris rezolucion kontraŭ la dogantarifo pri eksterlandaj fruktoj. Multaj interesaj paroladoj estis aŭskultataj. Ĉiuj gazetoj skribis pri la kongreso, kelkaj kompreneble laŭ ŝerca maniero.

**Urugvajo.** En la komenco de tiu ĉi jaro unu fraŭlino en Montevideo estis mordata de rabia hundo. Ŝi rifuzis la injekton de kontraŭrabia sero; sed post unu monato la Polico perforte submetis ŝin al la traktado de la Kontraŭrabia Instituto per sero. Kvin eminentaj membroj de la Mondligo kontraŭ Vivisekcado publike protestis kontraŭ tiu perforto kontraŭ la individua libereco plenumita de instituto, kiu reprezentas la materian intereson de medicinistoj. La proceso ankoraŭ ne estas finita.

### Diversaĵoj.

**Progreso.** De multaj jaroj pensemaj homoj sur la insulo Kuba batalis kontraŭ la teruraj bovbataloj, la abomena kutimo en ĉiuj landoj de hispana „kulturo". Fine ili nun venkis. La leĝo nun malpermesas bovbatalojn sur la insulo, kaj ankaŭ tiuj bovbataloj, en kiuj la bovo ne estas mortigata, estas nun malpermesitaj. Samcelanoj, loĝantoj de hispanlingvaj landoj, bonvolu raporti al ni pri la stato de tiu ĉi afero en siaj landoj.

**Antologioj.** En germana lingvo, antaŭ deko da jaroj, Karl Soffel kaj Klabund eldonis ĉe la eldonejo de Erich Reisz tre belan libron „Der Tierkreis" (La Zodiako), kiu montras la Beston en la Poezio de ĉiuj Popoloj kaj Epokoj. La libro estas literatura trezoro, kaj samtempe ĝi havas, kiel la mallonga antaŭparolo diras, etan tendencon: montri, kiom homa estas la animo de la besto kaj kia bestaĉo verdire estas la homo.

Intermiksitaj estas en tiu libro poemoj, noveloj, kutimdiroj, fabloj pri bestoj, kaj oni retrovas ĉiujn grandajn poetojn. Vere, havinda libro!

Nun la kontraŭvivisekca revuo „Starry Cross" raportas pri nova libro, kiu aperis en angla lingvo: „Poetry's Plea for Animals" (La Pledo de Poezio por Bestoj), kompilita de f-ino Frances E. Clarke, eldonita de la Lothrop, Lee & Shepard Co., 275 Congress Street, Boston Mass., Usono. Ĝi estas la rezultaĵo de granda laboro; la kompilintino traserĉis la tutan literaturon, de Chaucer en la brita literaturo kaj Bryant en la usona ĝis la modernaj poetoj kaj kreis antologion, kiu devus troviĝi en ĉiu lernejo de anglalingvaj landoj. La antaŭparolon verkis Edwin Markham, kaj ĝi enhavas impresan poemon pri la bestoj, kiuj suferas pro la peltmodo. Ĝi finiĝas per la verso:

Sinjorinoj, ĉu valoras ĉiuj peltoj viaj
la inferon tian de suferoj agoniaj?

Do, bonega libro; sed la prezo, ho ve, estas tri dolaroj!

**Internacia Kongreso de Religiaj Socialistoj** okazis en aŭgusto en urbo Le Locle, franclingva Svisujo. Nia samideano K. H. Schmidt tie raportis pri la Internacia Movado por Anarĥi-Komunismo. Le Locle estas la centro de la svisa (almenaŭ la franclingva) laŭtolstoja militkontraŭema laboro. Ekzistas tie bonege vizitata popola dimanĉ-

lernejo, en kiu kamaradoj klarigas al infanoj kaj gejunuloj sociajn demandojn laŭ la senco de la pura kristana instruo neakordigebla kun milito kaj kapitalismo, kaj la seksan demandon laŭ la diro de la apostolo: „La korpo estu templo de la animo", plue pri laŭnatura vivmaniero, abstino, vegetarismo. Oni havas bonegan muzikgrupon, regulajn studadvesperojn; inter la membroj estas multaj Esperantistoj, ankaŭ bona nombro da vegetaranoj.

La internacia kongreso kaj la sekvinta kongreso de la svisa Unio de Socialistaj Kristanoj pasis tre harmonie kaj korfrate. En la paŭzoj oni kantis kune francajn kaj Esperantajn packantojn.

Antaŭ la malliberejo de la militservrifuzanto Ed. Liecati oni kantis komune. La kongreso deklaris publike, ke kun la kristana konscienco estas absolute neakordigeblaj milito kaj socia maljusteco; ke efektivigo de vere etike-religia socialismo estas urĝa neceseco, kaj ke Esperanto estas tre utila kaj rekomendinda por la internacia socia kaj religia interkompreniĝo. — Laŭ raporto de K. H. Ŝ.

**Tabakkontraŭuloj.** La 4-an kaj 5-an de aŭgusto la Ligo de Germanaj Tabakkontraŭuloj havis sian kunsidon en Breslaŭ. Ĉefan paroladon faris la vegetarano Richard Bretschneider el Dresdeno-Leubnitz. Sub gvido de D-ro Lickint oni ekspoziciis fotografaĵojn, modelojn ktp. instruantaĵn pri la tabakdemando.

**Internacia Ligo de Patrinoj kaj Edukistinoj por la Paco.** La Esperanta Grupo de Bordeaux (Francujo), 11 Rue Adrien Bayssellange, dissendis cirkuleron de tiu ĉi organizo laboranta sub la devizo „Al la Paco per la Amo". Ĝen. sekretariino por Francujo: s-ino Eidenschenk-Patin, por aliaj landoj: s-ino H. Kriegk, 38 rue Laharpe, Le Bouscat-Bordeaux; kasistino: s-ino J. Forsans, 7 rue Croizillac, Bordeaux.

---

**Vegetaraj Manĝejoj.**

**Varsovio, Polujo.** Estas malfermita en strato Aleje Jerozolimskie 25 bona nova vegetara manĝejo fondita de la loka vegetara societo. Sur la muroj de la manĝejo pendas diversaj vegetaraj sentencoj.

**Prago (Praha), Ĉeĥosl.** Vegetarianská jidelna v Odborovém Domê, Prago I. Perŝtyn.

**Bruĝo (Bruges, Brugge), Belgujo.** Pensiono St. Christophe, Familio De Deurwaerder, Nieuwe Gentweg 78.

**Antverpeno, Belgujo.** Ne ekzistas speciala veg. manĝejo; sed nia holanda sekretariino trovis bonan vegetaran manĝon ĉe s-ino de Meyre, Jacobstraat 47.

**Höxter, Germanujo.** Tre rekomendinda estas la refreŝiĝejo de vegetaraninoj fratinoj Ebert, Wilhelmshöhe apud Höxter ĉe la rivero Weser. Belega regiono: arbaro, kamparo, montoj.

**Kolonjo (Köln), Germanujo.** Tre bona vegetara manĝejo estas tiu de A. Obst, „Quisisana", Schildergasse 61-63 I. Krome: „Pomona", Breitestr. 29, eniro Schwertnergasse.

**Aix-en-Provence, Francujo.** Le Val des Pins, Vegetara Pensiono, Petit Chemin de Tholonet.

**Parizo.** La redaktanto vizitis ĉiujn ekzistantajn Parizajn vegetarajn manĝejojn kaj jene raportas pri ili. Ekzistas du bonaj burĝaj manĝejoj rekomendindaj, laŭ sistemo „Mazdaznan" sub nomo „Au Grand Soleil": unu en la 9-a kvartalaro: 1 Rue Ste. Cécile (fermita dimanĉe), kaj unu en la 6-a kv.: 13 Rue de l'Ancienne Comédie (malfermita ankaŭ dimanĉe). La Teozofia Societo havas apud sia palaco, 4 Square Rapp, 7-a kv., bonan manĝejon, kie estas firma menuo, disdono ĉe la bufedo. La Vegetalanoj havas simplan manĝejon en la 19-a kvartalaro: 40 Rue Mathis, 1-a etaĝo; tie oni ĉiam renkontas Esperantistojn. Tre rekomendindaj estas la du vegetaraj manĝejoj de la vegetara kaj pacifista societo Trait d'Union (Interliga Streko): 13-a kv. 73-bis Rue Bobillot (subtera fervojstacio Italie), kaj 5-a kv. 4 Rue des Prêtres Saint-Séverin (stacio Place St. Michel). Tie la gastoj prenas mem siajn manĝaĵojn de la bufedo, kie dejoradas anoj de la societo, preskaŭ ĉiuj Esperantistoj. La tuta aranĝo estas tre pura, kaj la nutraĵo bona. Tie oni ĉiam renkontas Esperantistojn. Tiu ĉi bonega manĝejo en la „Latina Kvartalo", kie estas multaj studentoj, faras per siaj malkaraj kaj tamen bonaj menuoj pli da propagando por la vegetarismo, ol multaj flugfolioj kaj broŝuroj. La manĝejo portas la nomon „Pitagoro". Tie kaj en la manĝejo „La Source" (La fonto), rue Bobillot, oni zorgas ne nur por la korpa, sed ankaŭ por la spirita nutrado.

Bonaj libroj de klasikaj kaj modernaj aŭtoroj estas vendataj tie je malaltaj prezoj. Multe da propagando estas farata por Esperanto. En la montrajfenestroj troviĝas multaj bonaj Esperantaj libroj.

**Bruselo, Belgujo.** Ankaŭ tie la redaktanto vizitis la vegetaran manĝejon: „Renova", 20—22, Rue de la Régence. Ĝi estas tre bona kaj rekomendinda. Fermita dimanĉe.

**Sovjetunio.** Samideano Zajcev en la nomo de la Moskva Vegetara Societo donis liston de la Vegetaraj Manĝejoj en la Sovjetunio, laŭ kiu ni raportas jenon:

**Moskvo.** La koopera societo „Bratskaja Pomoŝĉ" (Frata helpado) posedas tiujn manĝejojn: Strato Arbat 10, angulo de Kuzneckij Most kaj Neglinnaja Strato; Lubjanskaja Ploŝĉad (Placo) 7; Strato Petrovka 10; Petrovskije Vorota (Pordo) 30. Societo „Bratskij Trud" (Frata Laboro) Strato Mjasnickaja 11. Societo „Bratskoje Jedinjenije" (Frata Unuo) Strato Kuzneckij Most 3—10. Societo „Bratskoje Objedin" (Frata Unuiĝo) Strato Kuzneckij Most 5. „Koopera Societo" Str. Tverskaja 50-2. Societo „Vegetara Nutraĵo" Projezd (Traveturo) de Arta Teatro 1. Soc. „Higieno de Nutraĵo Strato Arbat 10. „Moskva Vegetara Societo" Strato Ogarjeva (antaŭa nomo Gazetnij Pereulok) 12. „Nizok (Fundeto)", Teatr. Projezd (Traveturo de Teatro) 7. Societo „Trezvaja Jizn" (Sobra Vivado) Strato de Dzerjinskij 4; Str. Moskvoreckaja 12; Str. Nikolskaja (angulo de Str. de Bogojavlenskij 8); angulo de strato Sretenka kaj strateto de Selivjestrov 26-1: Strato Tverskaja 34. Kuzma Stepanoviĉ Baranov, Str. Tverskaja 50-2. A. J. Bjelov, Str. Mjasnickaja 2-4.

**Leningrado.** Grupo „Vegetaranjec" (Vegetarano): Prospekt de 25-a de oktobro, domo 42. Science-Higiena Vegetara Societo: Strato de 3-a de julio 24; Strato de Gogol 12.

**Kijev.** La adreso de la Kijeva Vegetara Societo estas. Strato Levaŝevskaja 22, loĝ. 8. La vegetaraj manĝejoj: N. M. Ivannikov, Strato de Vorovskij 48. Strato Kreŝĉatik 48. Strato Prorjeznaja 3. La manĝejo de la vegetara societo: Str. de Lenin (Fundukljejevskaja) 26.

**Odeso (Odessa).** Pavjel Vasiljeviĉ Buŝe, Strato de Vorovskoj 1, loĝ. 17.

**Sofio, Bulgarujo.** Manĝejo de la Vegetara Koopera Societo, strato 6. septemvri 3, Filio strato Struma 2; Jasna Poljana, str. Triadica 4; Pomona, str. Levski; Trezvenost, str. Vitoŝka 24, Izgrev, str. Regenska 10; Esperanto, str. Regenska 16; Rodstvenost, str. Pirotska; Vyzrâjdane, str. Gr. Ignatiev kaj ĉe Smetna Polata; Priroda, bul. Ĥr. Botev; Ikonomiĉeska, bul. Dondukov.

**Bulgaraj urboj krom Sofio:** Varna, Ruse (Ruŝĉuk), Tyrnovo, Sevlievo, Lom, Plovdiv (Filipoplo), Stara Zagora, Burgas, Kjustendil havas vegetarajn manĝejojn.

**Rigo, Latvujo.** La plej rekomendinda en Latvujo vegetara gastejo estas tiu de sinjorino Grasman en Rigo, Valdemara iela 39, loĝ. 2. Ĝi havas specialan fakon por krudmanĝantoj kaj dietuloj. Malfermita de la 13-a ĝis la 17-a horo. E. G.

**Revalo (Tallinn), Estonujo.** Ekzistas du vegetaraj manĝejoj: unu en Lai-strato 5, ĉe Kristana Unuiĝo de Junulinoj (malfermita de 12½ ĝis 16½, dimanĉe nur de 13 ĝis 16), la alia en Rataskaevu-strato 6, loĝejo 7 ĉe s-ino Helene Sihver (labortage malfermita de 14 ĝis 17).

**Kopenhago, Danujo.** La vegetara manĝejo Frederiksberggade 27, 1-a etaĝo, estas fermita sabate, ĉar ĝi apartenas al la Adventistoj.

**Rapallo (Genova), Italujo.** Villino Helios.

---

**Vegetaraj kaj parencelaj eldonaĵoj.**

**Fort mit Brille und Augenglas!** (For la okulvitrojn!) 143-paĝa, bele tolbindita libro de D-ro med. W. Luftig, eldonanto: D-ro W. Luftig, Berlino O. 34, Frankfurter Allee 18, Germanujo. Prezo 3 g. Mk. La aŭtoro unue konstatas, ke per okulvitroj oni ne forigas miopecon kaj aliajn okuldifektojn, sed kutimigas la okulojn al la bezono de vitroj kaj pligrandigas la postulojn de la okuloj, do la difektojn. Li pritraktas la sistemon de D-ro Bates, Novjorko, klarigante metodon, laŭ kiu oni sukcese batalas kontraŭ la okuldifektoj kaj evitas la bezonon de okulvitroj.

**Boletin de la Liga Mundial contra la Vivisección** (Bulteno de la Tutmonda Ligo kontraŭ la Vivisekcado), sekcio argentina, administrejo: Buenos Aires, Argentino, Rivadavia 2431, Dep. 1, escritorio 2 .

**!Vivir!,** vegetara monata revuo, nova adreso: Castelli 38, Buenos Aires. Redaktata de la konata prof. Juan Esteve Dulin, kiu ĉiam kuraĝe batalas kontraŭ la vivisekcado. Li perdis sian sepjaran filinon Alba per aŭtomobilakcidento; korajn kondolencojn!

**Militkontraŭuloj:** Al kvin kuraĝaj francaj rifuzantoj de militservo estas dediĉita bruŝuro „Les Anarchistes et le Cas de Conscience" eldonita de „Librairie Sociale", 69 Boulevard de Belleville, Parizo 11, Francujo. Prezo ffr. 0.60.

**Le Semeur,** redaktanto P. Larivière, 14 rue des Lions, Parizo 4, Francujo. Radikala gazeto kontraŭ la milito kaj kontraŭ ĉiuj kondamnindaj sistemoj, kiuj ĝin preparadas en ĉiuj landoj.

**Il Pitagorismo** ed il suo influsso sulla vita economico-sociale e sui costumi (La Pitagorismo kaj ĝia influo al la ekonomie-socia vivo kaj al la kutimoj), kaj

**La Riforma Alimentare** (La nutra reformo), du broŝuroj de Inĝeniero Gustavo Bullo, Via Canova 15, Lugano, Svisujo. La konata itala propagandanto de la vegetarismo resumigas en tiuj du broŝuroj la etikajn kaj la sciencajn motivojn kontraŭ la viandmanĝado.

**Esperantaj Eldonaĵoj.**

**La Movado,** monata gazeto por propagando, informo, komerco, turismo, por kaj per Esperanto. Oficiala organo de la Societo Franca por la Propagando de Esperanto. Redaktejo 97 rue Saint Lazare, Parizo 9. Direktoro Emile Houbart. Jarabono eksterlande 24 ffr. Ilustrita. Tre rekomendinda laŭ lingvo kaj enhavo.

**Nökkel til Esperanto** (Esperantoŝlosilo), prezo 20 oeroj, kaj

**Esperanto-Grammatikk** (kun vortaretoj norveg-esperanta kaj inverse), prezo 50 oeroj; haveblaj ĉe Esperanto-Eldonejoj „Agado", Poŝtkesto 407, Oslo, Norvegujo, aŭ ĉe Norvega Esperantista Ligo, Bergsliens gate 11, Oslo. Estas ĝojige, ke nun en ĉiuj lingvoj denove aperas la malgrandaj ŝlosiloj.

**Kion rakontas la amikoj de Peĉjo,** fabeloj de Hermynia Zur Mühlen; eldonaĵo de la Sennacieca Asocio Tutmonda; havebla ĉe Richard Lerchner, Colmstr. 1, Lipsio O. 27, Germanujo; poŝtĉekkonto 6835. Prezo g. M. 0.60. 54-paĝa, broŝurita.

**La vojo al scienco de estonto,** de akad. A. Fersman; sama prezo, sama eldonejo.

**Cifera Muziko,** de Emmanuel Robert, 5 rue Ravignan, Parizo 18, Francujo; broŝureto; prezo 40 fr. cent.

**Esperanto;** deuxième année (dua jaro), de Th. Cart kaj Emm. Robert. Prezo ffr. 1.75 afrankite. Sama eldonejo. Tre valora aldono al la tre konata lernlibro „Esperanto en dek lecionoj" de prof. Cart.

**Supplément Commercial,** komerca aldono al la lernlibro „Esperanto en dek lecionoj". Aŭtoro Emmanuel Robert; sama eldonejo. Prezo ffr. 1.50, afrankite. Kun aldono pri stenografio. La verketo estas tre utila aldono; en perfekta Esperanto.

La eldonejo **Ferdinand Hirt & Sohn,** Lipsio C. 1, Salomonstr. 15, Germanujo, eldonis novan „Literaturan Informilon" kun valoraj artikoloj. La eldonejo **„Heroldo de Esperanto"**, gvidata de Teo Jung, nun transloĝiĝis al Kolonjo, Brüsseler Strasze 94, Germanujo, kaj eldonis novan katalogeton pri siaj eldonaĵoj.

**La Flandra Movado,** 12-paĝa broŝuro dediĉita al la anoj de la Antverpena kongreso. Flandrema Grupo Esperantista. E. Sele kaj H. van der Mast, 11 Prinsestraat, Antverpeno.

**La Humanitaristaj Principoj** kaj **La Internacio de la Intelektuloj.** Eugen Relgis, eldonis Belga Esperanto-Instituto, 11 Kleine Hondstraat, Antverpeno, Belgujo. 47-paĝa. Prezo sfr. 0.50.

Jen vere leginda broŝuro en tre bona lingva stilo. La mortinta revuo „Libero", en kies kadro tiatempe aperis nia „Vegetarano", jam en aŭgusto/sept. 1926 publikigis la alvokon de la sama rumana aŭtoro: „Al la liberaj intelektuloj kaj klarvidaj laboristoj".

La ideoj iom tro modeste kaj rezerveme esprimitaj en la deklaro de D-ro Zamenhof pri Homaranismo trovas ĉi tie konsekvencan daŭrigon kaj pli konvinkan esprimon. „La Internacio de la Intelektuloj", diras la aŭtoro, „povas esti nenies malamiko, escepte de tiuj, kiuj deziras konservi en la homoj la bestajn instinktojn. Ĝi ne posedas aliajn armilojn krom la vorto korpenetra, kiu lumigas la konsciencon."

Broŝuro nepre rekomendinda, meritanta tre grandan disvastiĝon! Esperanta traduko farita de S. Prager.

**Jarlibro** de la Esperantista Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio. Parizo 9, Esperantista Centra Librejo, 51 Rue de Clichy, Francujo. Prezo ffr. 2.—. Eldono 1928. Informas pri la adresoj de la LK-anoj kaj pri la funkciado

de niaj lingvaj institucioj, kontraŭ kiuj oni faras multajn nejustajn kaj malmultajn justajn kritikojn. Certe, se la L. K. estus farinta ĉion, kion kritikantoj postulis de ĝi, nun regus ĥaoso anstataŭ bonordo en nia lingvo.

Tiuokaze la redaktanto, kiu ĝis nun evitis la neoficialajn afiksojn mis- kaj -enda, sciigas, ke li de nun toleros ilin; ĉar ŝajnas, ke ili estas ŝatataj ankaŭ de bonaj aŭtoroj kaj estos baldaŭ oficialigataj de nia L. K.

**Sub rugaj standardoj**, raporto pri impresoj kaj travivaĵoj en Sovjetunio, de Einar Adamson. Ilustrita. Prezo 75 oeroj aŭ pfenigoj. 44 paĝoj. Eldonejo: Sveda Esperanto-Oficejo, Box 73, Gotenburgo, Svedujo.

**La Verda Lumo**, organo de Ŝanhaja Esperanto-Asocio, adreso P. O. Box 1332, Ŝanhajo (Shanghai), Ĥinujo. En la maja numero la Esperanto-asocioj de Ŝanhajo kaj de Nankino protestas kontraŭ la japana imperialismo, kiu serĉas motivon, por profitiga milito.

**La Akvobordano**, monata informilo de la proletaraj Esperanto-grupoj en la urboj proksime je la Norda Maro. Red. W. Koglin, Hamburgo 24, Papenhuderstr. 45—47, Germanujo.

**Pri la Perforto, Milito kaj Revolucio, de L. N. Tolstoj**, pensoj elektitaj de Valentino Bulgakov el la verkoj, taglibroj kaj leteroj de Leono Tolstoj, tradukitaj de Zahariev, eldonitaj de la Internacio de Militkontraŭuloj, H. Runham Brown, 11 Abbey Road, Enfield, Middlesex, Anglujo; vendata de la eldonantoj (prezo 6 pencoj, afrankite) kaj de la Koopera Societo „Posrednik", Sofio, Bul. Dondukov 61, Bulgarujo, prezo 10 levoj. Estas dezirinde, ke ĉiuj, kiuj admiras Tolstoj'on kiel literaturan geniulon, konu ankaŭ liajn pensojn esprimitajn en la diroj, kiuj aperas en tiu ĉi broŝuro.

---

### Kvitancoj.

Post la kvitancoj en nia aprila numero la kasisto de la internacia VLE ricevis la jenajn kotizojn aŭ informon pri ilia pago al la landaj sekretarioj:

Gelfand 8.—, He., Hi., A. Dresen, Jagomäe, Aristo, Denker, Kropp, Martensen, Speth, Michalek, Spengler, Schön, Funken, Dopp, Dehnke, Zajcev (Kniga) ĉiu 3.—, Joó din. 40.—, Menschick 2.—, Aresti 4.14, Mikŝan 3.06, Schmidt 1.50, Helfers 4.50, Zinkiyosi 3.25, Moss dol. 2.—, Hendricx-Colijn dol. 1.—, Kuŝnir dol. 1.—, Ortt nfl. 2.—, Brenander skr. 2.—, Bogdanowicz zl. 8.—, Jeĉius 4.17, Duda 4.16, Strachovsky kĉ. 40.—, Dana Veg. Societo dkr. 10.—, Angelo, Schröder, Schiött, Date, Rye, Noll, Jensen, Fink-Jensen, ĉiu dkr. 3.—, Merrick, Heath, Nowell, ĉiu ŝil. 3.—, Kull ekr. 3.—, Roos nfl. 2.50, Mitkov transpago de div. kotizoj RM. 26.—.

Mi dankas pro la kotizoj kaj donacoj kaj petas, ke ĉiuj nepagintoj por 1928, kvankam la jaro jam finiĝas, ankoraŭ pagu sian kotizon; ĉar la ligo bezonas la monon, por povi daŭrigi sian laboron. La kotizoj servas komplete al nia afero; ĉar neniu kunlaboro por la ligo aŭ por la bulteno estas salajrata.

Ĝen. Sekretario-Kasisto: O. B.

---

### Informetoj, Deziroj, Respondoj.

**Naskiĝo.** Al gesinjoroj Grots en Rigo naskiĝis fileto, nomita Ilguonis — Ilĉjo. Korajn gratulojn!

**La Redaktanto** ne povas individue respondi al ĉiuj leteroj aŭ poŝtkartoj ricevitaj. Li estis tri semajnojn en eksterlando kaj tial devis prokrasti la laboron por tiu ĉi bulteno.

**Inĝ. E. Jouis, Bihorel.** Dankon pro viaj artikoloj. Ili tamen ne estas uzeblaj por niaj celoj; ĉar ili ne konvinke akordiĝas kun la vidpunkto de vegetaranoj.

**La Kristana** Esperantista Ligo Internacia (K. E. L. I.) petas, ke ni sciigu al la legantoj, ke ĝi pliintensigos sian laboron. Interesuloj turniĝu al s-ro Paul Hübner, Bergstr. 1-a, Quedlinburg, Germanujo, aŭ al s-ro C. A. Fairman, 24 Binfield Road, Londono S. W. 4, Anglujo.

**Karakterologio.** La Internacia Kongreso de Karakterologoj en Ĝenevo, 1928, petis la redaktanton, ke li sciigu al la legantoj la adreson de la gvidanta karakterologo: Richard Glaser, Landhaus Cranz, Lucerno-Meggen, Svisujo.

**Naskiĝo.** Al gesinjoroj Victor kaj Yvonne Hendricx-Colijn, Bruselo, naskiĝis filineto nomita Elfrida. Korajn gratulojn!

**Represo** el nia bulteno estas permesata, eĉ dezirata, kondiĉe ke kiel fonto nia „Vegetarano" estu citata kaj ke frazoj ne estu citataj, kiuj sen kunteksto kaŭzas erarkomprenojn.

**Traduku** por naciaj revuoj parencaj el nia bulteno, por ke oni vidu, ke per Esperanto disvastiĝas informoj sciindaj.

**Valora Vegetara Revuo.** Nia latva sekretario Grots tre insiste rekomendas al samideanoj, kiuj komprenas la germanan lingvon, la revuon „Der Wendepunkt" de D-ro Bircher-Benner, Keltenstr. 48, Zuriĥo, Svisujo. S-ro Grots diras, ke li opinias ĝin la plej valora vegetara-vivreforma revuo.

**Senledaj Ŝuoj.** Oni demandas, ĉu kaj kie en Germanujo (kaj en aliaj landoj krom Grandbritujo, kie ni havas jam adresojn) estas haveblaj ŝuaĵoj senledaj. Skribu al la redaktanto.

**La Tolstoj-Numeron** de la holandlingva revuo „Bevrijding" (Liberiĝo), septembran, rekomendas samideano K. H. Schmidt. Adreso de la revuo: B. van Egten, Maŭvestraat 9, Amsterdamo, Nederlando.

**Ligo por Boneco.** La franca Ligue de Bonté, adreso 3 Avenue du Bois de Boulogne, Parizo, fondinto s-ino Eugène Simon, petis, ke ni atentigu la legantojn pri tiu bonfara internacia organizo. La reguloj estas simplaj kaj efikaj: 1. Agu kun boneco en ĉiuj okazoj. 2. Ne mensogu. 3. Protektu la malfortulojn; helpu la malfeliĉulojn. 4. Respektu la maljunulojn kaj malsanulojn. 5. Estu ĝentilaj kontraŭ ĉiuj. 6. Estu bonaj kontraŭ la bestoj. — La bazo de la agado de la ligo estas: „La progreso de la homaro ne estas ebla sen ĉiam kreskanta perfektiĝo de la individuo".

**Nova Pacostelo super Lokarno.** Sub tiu titolo (germanlingve) D-ro Bachmann, Berlino-Charlottenburg 2, Kurfürstenallee 40, I., Germanujo, publikigas presaĵojn, kies scienca bazo estas esprimita en la broŝuroj: Die Übermacht des Lebens (La supera forto de l' vivo), de D-ro Kleinschrod, Wörishofen, eldonejo Otto Salle, Berlino; Die Krise der Medizin (La krizo de la medicino), de D-ro Aschner, Vieno, eldonejo Hippokrates en Stutgarto, Germanujo; Il Pitagorismo (vidu supran recenzon).

**Internacia Esperanto-Muzeo**, Vieno I, Annagasse 5, Aŭstrujo, sciigas, ke ĝi ne estas privata, sed ŝtata entrepreno. Eldonistoj, aŭtoroj, redaktantoj Esperantaj estas petataj, sendi al ĝi unu ekzempleron de ĉiu eldonaĵo, por fari la muzeon laŭeble plej riĉa kaj propagandi tiel por Esperanto.

**Internacia Vegetara Unio. / The International Vegetarian Union.**
**Union Internationale Végétarienne. / Internat. Vegetarische Union.**
Sekr.: Oluf Egerod, Rödkildevej 40, Brönshöj, Kopenhago, Danujo.

# Sepa Internacia Vegetara Kongreso.



# Septième Congrès International Végétarien.
# Siebter Internationaler Vegetarierkongreß.
# Seventh International Vegetarian Congress.
## Steinschönau (Kam. Ŝenov) en Bohemujo
## 7.—10. de julio 1929.

### Dektria Bulteno.

La estraro de la Internacia Vegetara Unio esperas, ke la partoprenantoj de la kongreso estos tre multnombraj. La malalta ĉeĥa valuto, la malalta kosto de loĝado, la granda beleco de la regiono, en kiu okazos la kongreso, kaj la propaganda efiko, kiun la kongreso devos havi, devus allogi multajn samcelanojn.

Ĉiu societo kaj ankaŭ ĉiu vegetarano individue faru jam nun propagandon, por ke multaj vegetaranoj venu al Steinschönau.

La programo de la kongreso enhavas ĝis nun tiujn punktojn:

Lundon, la 7/VII., internaj priparoloj kaj raportoj de la delegitoj el la diversaj landoj.

Mardon, la 8/VII., kaj merkredon, la 9/VII., paroladoj de eminentaj reprezentantoj de la vegetara movado. Jam jenajn paroladojn kun diskuto ni havas sur la programo:

D-ro Jacques Demarquette el Parizo pri „Vegetarismo kiel Bazo de Spirita Celado"; D-ro Ragnar Berg pri „Biologiaj Bazoj de moderna Trofologio (scienco pri nutrado)"; D-ro Batêk el Prago pri „Praktikaj Spertoj"; D-ro Ude el Graz pri „Vegetarismo kaj nacia ekonomio".

Escepte je la lunda kunsido, en kiu partoprenos nur la oficialaj reprezentantoj de aliĝintaj societoj, la kunsidoj

### Thirteenth Bulletin.

The Board of the International Vegetarian Union hope that many friends will assist the international congress. The low Czecho-Slovakian currency, the low boarding expenses, the beautifulness of the country where the congress is held, and the propagandistic efficiency which we want to give this congress, ought to attract many vegetarians.

Every society and every individual friend of our cause should already now endeavour to induce many vegetarians to go to Steinschönau (Kam. Šenov).

The programme of the congress shows the following items:

Monday, July 7th, private session of the Board and the Delegates, and reports of the delegates from various countries. This session contains: at 10 o'clock welcoming speeches and reports of the delegates. No speech should be longer than ten minutes. Discussion.

Discussion of the Rules of the I. V. U. and of the proposal of our Dutch friends who want to give the § 3 a stricter wording. The Board had already, on Sept. 23rd, 1928, a meeting at Cologne and prepared a solution for this question. The Vegetarian Society of Moscow submitted for discussion during this session a proposal regarding a film propaganda on a large scale.

Tuesday and Wednesday, July 8th and 9th, confe-

kaj paroladoj estos publikaj. Ili havas la celon, fari grandan propagandon por la vegetarismo.

Antaŭ nia kongreso okazos sur la Lausche-Monto proksime je Warnsdorf (Bohemujo) kaj Zittau (Saksujo) publika „Vivreforma Tago", la 6-an de julio. Tio estos impona manifestado ĝuste sur la limo inter Ĉeĥoslovakujo kaj Germanujo. Ĝi estos kvazaŭ antaŭtakto de la vegetara kongreso.

La kongresaranĝanta unuiĝo ankoraŭ decidos, ĉu ĵaŭdon, la 10-an de julio, oni faros komunan ekskurson aŭ ion alian.

---

La programo de la lunda kunsido, en kiu nur delegitoj kaj membroj de la estraro povas partopreni, estas: Je la 10-a salutparoladoj kaj raportoj de la delegitoj (daŭro de ĉiu raporto maksimume dek minutoj), diskutado. Priparolado de la regularo. La Nederlanda societo proponis pli severan tekston de la tria paragrafo, kaj la estraro de I. V. U., kiu havis kunsidon en Kolonjo (Köln) la 23-an de septembro, jam preparis solvon por tiu demando.

La Moskva Vegetara Societo faris proponon pri grandstila propagando per filmo diskutotan dum la internaj priparoloj.

Povos partopreni en la internaj priparoloj kaj havos voĉdonrajton nur la delegitoj de tiuj societoj, kiuj akurate pagis siajn kotizojn dum la lastaj tri jaroj. La kotizo estas por ĉiu societo 1% el la propraj kotizenspezoj de ĉiu societo. Societoj, kies kalkuljaro ne akordiĝas kun la kalendara jaro kaj kiuj pro tio ankoraŭ ne scias, kiom ili enspezos por la kuranta jaro, pagos proksimuman sumon kaj kalkulos la eventualan diferencon inter la ŝuldata kaj la pagita sumo pli malfrue.

Societoj, kiuj ankoraŭ ne ekzistis dum la tutaj tri jaroj, povas aliĝi tuj, pagante por la tempo de sia ekzisto.

Ĉiuj kotizoj por la tri jaroj 1926—27—28 devas esti plene pagitaj ĝis la **31-a de januaro 1929.** La estraro gastigos senpage du (ne unu) oficialajn delegitojn de ĉiu societo, kiu estas membro kaj akurate pagis sian kotizon.

Adreso de la kasisto de I. V. U.: Prof. Hugo Nolthenius, Villa Helios, Laren, N. H., Nederlando.

Adreso de la Kongresa Sekretario: Red. Hans Feix, Warnsdorf VI 1810, Ĉeĥoslovakujo.

rences of eminent representatives of the vegetarian movement. The following speakers have already been noted:

Dr. Jacques Demarquette, Paris, on „Vegetarianism as a Basis of Spiritual Endeavours". Dr. Ragnar Berg on „Biological Foundations of modern Nutritional Science". Dr. Batyek, Prague, on „Practical Experiences", Dr. Ude, Graz, on „Vegetarianism and National Economy", all followed by discussions.

These conferences are public and are intended to make a good propaganda for the vegetarianism.

Before our congress, on July 6th, a Meeting of Food Reformers will be held on the Mount Lausche, just on the frontier between Czecho-Slowakia and Germany, near Warnsdorf (Bohemia) and Zittau (Saxony). This meeting will be an introduction to our congress though it is not part of the congress.

The Board of the Congress will still decide whether on July 10th we shall go rambling or do something else.

Only the delegates of societies which have punctually paid their contribution during the last three years are admitted to the private session and have the right to vote. The contribution, as fixed in our Rules, is 1% of the societies' revenues out of individual contributions from their members. Societies which do not yet exist since the whole of these three years, are allowed to join immediately, paying only for the period of their existence.

If the fiscal year of a society does not coincide with the calendar year, a proportionate amount is to be paid, and a possible difference will be accounted for later on.

All contributions for the three years in question: 1926/27/28, must be fully paid until the **31st of January 1929.** Two oficial delegates of each society are boarded gratis.

[illegible]ress of the Honorary Treasurer: Prof. Dr. Hugo Nolthenius, Villa Helios, Laren, N. H., Netherlands.

Address of the Honorary Secretary of the Congress: Red. Hans Feix, Warnsdorf VI/1810, Czecho-Slovakia.